# Etnismo

N-RO 6 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 01. 06. 1974




Temo-tabulo kun prezento de la problemo

## Ekspozicio pri "LINGVAJ MINORITATOJ EN EŬROPO" (p. 2/3)

Vaskaj libroj kaj gazetoj, E.T.A. .....



# Ekspozicio

En la aŭlo de la Urba Naturscienca Gimnazio de Eschweiler (apud Akeno, FRG) okazis iom eksterordinara ekspozicio. De la 8-a ĝis la 17-a de marto 1974 estis videblaj, sur 30 plejparte 2 m longaj tabuloj, multegaj dokumentoj pri la temo

LINGVAJ MINORITATOJ EN EŬROPO.

Antaŭ la plimulto de la tabuloj troviĝis grandaj tabloj, sur kiuj kuŝis amaso da libroj, revuoj kaj bultenoj. Aro da surgluitaj gazetoartikoloj estis, jen komplete, jen resume, tradukita; mapoj helpis en orientiĝado, kaj diskoj peris sonimpresojn pri kelkaj el la dekoj da menciitaj kaj prezentitaj minoritataj lingvoj; la tabuloj enhavis multajn eksplikojn kaj komentojn.

Okaze de la malfermo, kiun ĉeestis la urbestro, lia anstataŭanto, la gimnazia direktoro, ties anstataŭanto, la direktoro de la popolaltlernejo (en kies programo la ekspozicio okazis) kaj ĵurnalistoj, la organizinto de la ekspozicio - li hazarde estas ankaŭ eldonanto de ETNISMO kaj la FRG-sekretario de la "Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj" (A.I.D.M.L.K.) - atentigis pri la aktualeco de la minoritata problemaro: certagradaj sukcesoj de kimroj kaj gaeloj en la britaj kaj de la germanlingvuloj en la belgaj parlamentaj balotoj, kaj la elpaŝoj de la episkopo de Bilbao favore al la efektivigo de kultura libereco de la vaskoj. La referanto skizis la sintenon de diplomatiaj reprezentantoj koncerne la iliaŝtatajn minoritatojn lige kun la preparado de tiu ĉi ekspozicio. Dum la sveda, norvega, dana, suoma, svisa, irlanda kaj aliaj reprezentantoj volonte liveris - parte bonegan - materialon, la franca, brita kaj hispana ambasadoj faris diversajn provojn por ŝajnigi neekziston de problemoj; aliaj - ekz. la soveta ambasado - tute ne reagis. La enkondukanto substrekis ke, por interpopola interkomprenado, absolute necesas tute senmaska prezentado de ĉiuj problemoj. Kompreneble, laŭ la preleginto, la postuloj pri plenrajta uzado de la etna lingvo en privata kaj publika vivo (administrado, parlamentoj, tribunaloj, gazetaro, televido, radio, trafiko, arto ktp.) ne havas absolutan validecon. Ĉar estus absurde starigi ĉi tiujn postulojn por minoritato de, ekzemple, 20 personoj (tiom da homoj ankoraŭ parolas la votan lingvon, proksime de Leningrado). Principe, tamen, la minoritataj lingvoj estas protektendaj, ĉar ili portas parton de la homa kulturo, kiun la grandioza vario riĉigas. La parolantoj de kiu ajn lingvo havus gravegan krizon de identeco, se ili ne povus plene utiligi sian respektivan gepatran lingvon. - Fine, la responsulo demandis pri eblecoj de interkompreniĝo en stato de pli ol 50 samrajtaj lingvoj en Eŭropo. Inter aliaj, la juristo kaj etnisto Guy Héraud de la universitato de Paŭo kaj la pedagogicibernetikisto Helmar Frank de la universitato de Paderborno konkludis, ke oni ne povus devige instrui al ĉiuj eŭropanoj ĉiujn eŭropajn lingvojn kaj ke, do, plej racia solvo estus la enkonduko de la Internacia Lingvo.

La ekspozicion vizitis sume pli ol 500 personoj, precipe instruistoj kaj gelernantoj. La loka kaj regiona gazetaro raportis - parte tre amplekse kaj kun fotoj - 8 fojojn. Surbaze de konciza raporto, verkita en la Internacia Lingvo kaj sendita al kelkaj kun-

laborantoj de ETNISMO, estis ĝis nun publicitaj meze longaj artikoloj en jenaj gazetoj /revuoj: "Leeuwarder Courant" (17.04.74, en la frisa lingvo, 2 fotoj), "Y Faner" (26. 04. 74, en la kimra, titolpaĝo), "Welsh Nation" (03. 05. 74, en la angla, 1 foto), "Tafod y ddraig" (majo 1974, en la kimra, 1 foto), "Carn" (printempo 1974, en la angla), "Slovenski Vestnik" (24. 05. 74, en la slovena, 1 foto), "Heroldo de Esperanto" (16. 04. 74, 1 foto), "esperanto" (majo 1974, 1 foto) kaj "Pilo-Press" (15. 03. 74).

La ekspozicia materialo estas reuzebla en aliaj lokoj, ĉefe germanlingvaj, sed ankaŭ - post traduko de la eksplikoj kaj komentoj - en alialingva medio. Fotoj kaj diapozitivoj estas - kontraŭ lupago - prunteblaj.

## M A L L O N G A J   I N F O R M O J

.........................................

### BELGIO

La 10-an de marto 1974 la belgoj elektis samtempe plurajn deputitojn: por la t. n. Ĉambro, por la Senato, por la Provinca Konsilantaro kaj - en orienta Belgio - por la Konsilantaro de la Germana Kulturkomunumo. Ĉi-lasta Konsilantaro estis kreita nur en la dua duono de 1973, kaj la nunaj balotoj estis la unuaj rektaj. La rezulto estas tamen iom surpriza, ĉar la regionisma partio - "Partio de la Germanlingvaj Belgoj" (PGB) - duobligis siajn seĝojn kompare al la provizora Konsilantaro. La relativan plimulton atingis - kiel oni vaste supozis - la Kristan-Sociala Partio (KSP): 12 seĝoj, dum la Socialista Partio de Belgio (SPB) ricevis nur 3, la Partio por Libereco kaj Progreso akiris 4 kaj la PGB okupis 6 seĝojn. Logike - ĉar ne ekzistas formala koalicio - KSP "liveris" la Konsilantaran prezidanton (Johann Weynand). Dum la unuaj plenkunsidoj evidentiĝis tre baldaŭ ke - kiel en la provizora Konsilantaro - la tri tutŝtataj partioj kunlaboras kaj PGB opozicias. Eĉ en teknikaj problemetoj tiu konstelacio estas klare videbla. (Germanlingvaj protokoloj estas peteblaj ĉe la sekretariejo de la Konsilantaro: Rat der Deutschen Kulturgemeinschaft, Kaperberg 8, B - 4700 EUPEN)

### TRIESTO

De la 3-a ĝis la 7-a de junio 1974 okazos en Triesto "Internacia Konferenco pri Minoritatoj" sub aŭspicio de la Provinco de Triesto. La tri ĉefaj diskutkampoj estos: "Lingvo kaj Kulturo", "Soci-ekonomiaj Problemoj" kaj "Juraj kaj Konstituciaj Problemoj". Tiu ĉi konferenco estu - laŭ la deziro de la preparintoj - forumo de sciencistoj kaj politikistoj okupiĝantaj pri la minoritataj problemoj. Raportoj pri la konferenco estos peteblaj ĉe la sekretariejo: Conferenza Internzionale sulle Minoranze,
Via Visconti Venosta, 7, I-20122 MILANO.

### UDINO

"Clape Culturâl Aquilée" (Borc di Grezzan 6, I-33100 UDIN) eldonis itallingvan broŝureton de Giovanni Frau pri "Individualità linguistica del friulano" (1974, 13 paĝoj). Jam en 1972 aperis, sub responso de la sama organizaĵo, 26-paĝa ital- kaj friullingva broŝuro pri "Friûl - popul e lenghe".

Erik v. Hertzen: (Daŭrigo el ETNISMO 5)

# MINORITATOJ EN KVAR REGNOJ

## LA LAPONOJ BATALAS POR SIAJ RAJTOJ

### Premoj de la moderna socio

Ni revenu al Suomio, kie ekvalidis en 1969 nova "Leĝo pri boacbredistaj bienoj" kiu rajtigas la boacbrediston peti kaj havigi al si bieneton. Sed la laponoj rigardas tion maljusta: peti de la suoma ŝtato landpecon por si, kvankam tiu tero apartenas al ili jam de nememorebla tempo. Krome, la akireblaj kelkhektaraj bienetoj estas tute tro malgrandaj por racia boacbredado. La Arbara Administracio eĉ opinias ke, ricevinte tian bieneton, la lapono ne plu bezonas sian ĝisnunan rajton preni brulligno de sur ŝtata tereno.

En Enontekiö, Inari kaj Utsjoki estas farota divido de akvejoj. Laŭplane oni efektivigos ĝin simile kiel en cetera Suomio: la akvejoj estos donataj al la posedantoj de ĉebordaj terenoj, t. e. al la terkulturistoj kaj al la ŝtato. La plej multaj laponoj tiel perdos sian aĝegan rajton fiŝkapti en la lagoj kaj riveroj de sia hejmlando kaj devos lui la kaptorajton de la malamata Arbara Administracio. Estas konate ke la Arbara Administracio tre malavare vendas rajtigilojn por fiŝkaptado al turistoj kaj sportfiŝistoj kiuj malplenigas la akvojn de Laponio kaj tiel malfaciligas la vivtenon de la loĝantaro. La laponoj tial rigardas la sportfiŝistojn veraj koloniistoj.

### Elektrejo minacas inundi vilaĝon

Ankaŭ aliaj modernaĵoj malfaciligas la vivtenon de laponoj. Precipe malamataj estas la riveraj elektrejoj, kiuj - por ekonomie produktadi - bezonas abundan reguligitan akvejon super si. Sed tio ege ŝanĝas la lokajn kondiĉojn kaj grave difektas la vivrimedojn de la loĝantaro alkutimiĝinta vivteni sin akorde kun la ĉirkaŭa naturo. Ekzemple, la digolagoj de Lokka kaj Porttipahta enakvigis la plej grandan parton de la bonaj paŝtejoj por boacoj en Sodankylä. La pagitaj kompensoj estas etaj, kaj, cetere, neniu mono povas revenigi la perditajn fontojn de vivtenado. Tial la laponoj nomas la konstruistojn de elektrejoj "novkoloniistoj".

Nuntempe la laponaj vilaĝanoj de Masi en Norvegio batalas por sia ekzistado. La laŭplane konstruota elektrejo ĉe la rivero Altaelva enakvigus la tutan laponan vilaĝon. La enloĝantoj jam venkis sur unu ŝtupo: Kelkaj membroj de la norvega parlamento promesis ke Masi ne estos enakvigita. Sed la estonteco estas necerta: Malantaŭ la konstruemaj inĝenieroj moviĝas potencaj ekonomiaj fortoj.

En reguligitaj lagoj la valoraj fiŝoj ne povas sin reprodukti, ĉar iliaj frajejoj detruiĝas. En 1947 la suoma registaro vendis al Sovetunio la akvofalojn de Jäniskoski kaj Niskakoski kaj la rajton reguligi la lagon Inari je ses metroj. Sekve de la reguligo la ĉiujara fiŝkaptaĵo en la lago malpliiĝis ĝis kvinono. La malprofito estas apenaŭ imagebla. La suoma ŝtato ja promesis kompensi la perdojn, sed tio restis nura promeso.

### Lingvoj batalas por sia ekzistado

En la lapona lingvo nin interesas precipe tio ke la Esperanta nomo de la norda cervo - "boaco" - venas el la lapona. La sorto de la propra lingvo estas la dua grava problemo

de la nuntempaj laponoj. Domaĝe, la laponaj dialektoj tiom diferencas inter si ke komuna literatura lingvo ne estas ebla. Nordlapono komprenas nek la sudan laponon el meza Svedio nek la orientan el Sovetunio.

La unuaj libroj tradukitaj en la laponan - aboco kaj eta meslibro - aperis en Svedio en 1619. En tiu sama sudlapona literatura lingvo aperis la Nova Testamento en 1755 kaj la tuta biblio en 1811. En la nordlapona aperis tiuj du verkoj nur en 1840 respektive 1898. Nuntempe la sudlapona preskaŭ estingiĝis, sed en la nordlapona ekzistas ioma literaturo.

Eĉ en Suomio estas tri diferencaj laponaj dialektoj aŭ, pli ĝuste, lingvoj: la nordlapona en Enontekiö, Utsjoki kaj Inari (ĉirkaŭ 2.000 parolantoj), la inari-lapona ĉirkaŭ la Inari-lago (proksimume 500 parolantoj) kaj la t. n. skoltlapona en Sevettijärvi (ankaŭ proksimume 500 parolantoj. Tiuj ĉi skoltlaponoj vivis origine en Petsamo (nuna Peĉenga en Sovetunio) kaj nur post la dua mondmilito devis transloĝiĝi en la nunan loĝ-regionon.

Dum la pasintaj jardekoj aperis en Suomio presaĵoj nur nordlaponaj, escepte de kelkaj inari-laponaj artikoloj en la nordlapona gazeto "Sabmelaŝ". En aŭtuno 1972 oni eldonis stencilitan skoltlaponan aboco-libron por la lernejo en Sevettijärvi, kaj - laŭdire - la Nova Testamento estas tradukita en la skoltlaponan.

La nordlapona lingvo estas parolata ankaŭ en la nordaj partoj de Norvegio kaj Svedio kaj estas tial la ĉefa lapona lingvo. Sed en Norvegio kaj svedio oni uzas unu ortografion kaj en Suomio alian. Nun estas starigita komitato, kies tasko estas interkonsenti pri unueca ortografio por la nordlapona lingvo.

Lastatempe la laponoj ekpostulis uzon kaj instruadon de sia gepatra lingvo en lernejoj. En Norvegio tiun postulon oni jam komencis plenumi. Dum la du unuaj lernojaroj la instruado okazas lapone, kaj la norvega estas instruata kiel fremda lingvo. En la tria jaro la instruado eknorvegiĝas, kaj la lapona iĝas elektebla fako por restanta lerneja tempo. Similan sistemon oni projektas ankaŭ por Suomio, kie ĝis nun la tuta instruado estis suomlingva. Nur en tiuj maloftaj kazoj ke la instruisto scipovis la laponan, li povis uzi ĝin kiel helplingvon kaj instrui ĝin al volontuloj.

En Sovetunio estas kreita literatura lingvo por la laponoj de la Kola duoninsulo, en 1933. Aperis kelkaj libroj: interalie legolibro, aritmetiko kaj kelkaj politikaj libretoj. Sed en 1937 la lapona literatura lingvo estis retirita kaj ekde tiam la rusa estas la lingvo de instruado kaj literaturo por la sovetaj laponoj.

## Strebado al kunlaboro translima

La tria problemo koncernas la kunlaboron de laponoj loĝantaj en diversaj ŝtatoj. Depost 1959 ekzistas la Nordlanda Lapona Konsilantaro, kiu havas 12 membrojn: Kvin venas el Norvegio, kvar el Svedio, kaj tri el Suomio. La Konsilantaro estas ia parlamento de la laponoj, sed ĝi ne disponas pri potenco por efektivigi decidojn. La konsilantaranoj estas ĉiun trian jaron elektataj en nordlanda lapona kongreso, kiun, dum la lastaj jaroj, ĉeestis ankaŭ reprezentantoj de la sovetuniaj laponoj, kiel observantoj.

En 1969 la laponoj aspiris membriĝon en la Nordlanda Konsilantaro, en kiu estas reprezentataj la parlamentoj kaj registaroj de Danlando, Islando, Norvegio, Suomio, Svedio, Ferooj kaj Alando. Sed oni malakceptis la peton de la laponoj argumentante ke ilia jura pozicio ne estas komparebla kun tiu de la feroanoj kaj alandanoj. - Ĝenerale, la politika situacio de la laponoj estas pliboniĝanta. En aŭtuno de 1972 okazis en Suomio, samtempe kun la municipaj balotoj, eksperimenta elekto de 20-membra lapona parlamento, kiu esprimu la opinion de la suomiaj laponoj pri ilin koncernantaj aferoj. Oni planas ankaŭ leĝe fiksi la kompetentecon de tiu lapona parlamento kaj la laponan teritorion entenantan la municipojn Enontekiö, Inari, Utsjoki kaj la kvartalon Vuotso (de la municipo Sodankylä).

## Skandinavia rasismo laŭ sudafrika modelo?

Dum la lastaj jardekoj la situacio de la laponoj en Skandinavio kaj Suomio iom post iom pliboniĝis, kio estas kaŭzita precipe de la Deklaracio pri la Homaj Rajtoj de UN kaj de la vekiĝantaj postuloj de la laponoj mem. Antaŭ kelkaj jaroj okazinta skandaleto rimarkeble plirapidigis tiun ĉi evoluon: Sudafrikaj ĵurnalistoj vizitintaj Norvegion deklaris: Vi skandinavoj tre emas kritiki nin pro nia politiko kontraŭ niaj negroj, sed vi havas viajn laponojn, kiujn vi traktas tute same. Tiu aserto ja estas mensogo, sed la suoma proverbo - ke ne ekzistas tiel ega mensogo ke duono ne estus vera - pravas. La laponoj citadis la frazon de la sudafrikaj ĵurnalistoj, kaj la regantoj ekhontis, precipe la laborista partio de Norvegio kaj la socialdemokrataj partioj de Svedio kaj Suomio, kiuj antaŭe estis sufiĉe surdaj rilate la aspirojn de la laponoj. Ilian novan sintenon bone ilustras la promeso de la suomia ministro pri publika instruado, ke la evoluado de la laponlingva instruado ekde nun estos ne malhelpata pro manko de mono.

## Turismo nur laŭ interesoj de laponoj

Esencas ne prezenti la laponojn kaj ilian teritorion kiel turisman allogaĵon. Amasa turismo estas glavo du-klinga, kaj en Laponio efikas plej ofte tiu klingo kiu detruas la vivrimedojn de la enloĝantoj. Turismo, do, devos en Laponio respekti la bezonojn de la laponoj. Esperinde la lapona parlamento havos sufiĉe fortan pozicion por kapabli gardi la interesojn de la laponoj ankaŭ en tiu ĉi afero.

(La redakcio de ETNISMO responsas plene pri la lingva formo de tiu ĉi teksto, precipe pri la ŝanĝo de "Finnlando" en "Suomio"-n.)

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

## K A T A L U N I O

BARCELONO. La 16-an de majo 1974 la ĉi-jara HONORA PREMIO DE LA KATALUNA LITERATURO estis atribuita al Manuel Sanchis i Guarner pro lia scienca verkaro en la kataluna lingvo kaj pro lia rimarkinda kontribuo al la kultura vivo de Katalunio.

PERPINJANO. La sesan fojon okazos la KATALUNA SOMERA UNIVERSITATO en 1974 (21. - 31. 08.) en Prado, Rusiljono. La programo enhavas 24 temojn, de lingvistiko tra juro al grupdinamiko. Informas: G.R.E.C., Boîte postale 1000-8, F-66000 Perpignan.

# A. I. D. M. L. K.

La ĉi-jara kongreso de la ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ (A.I.D.M.L.K.) okazos de la 9-a ĝis la 11-a de aŭgusto 1974 en Ustaritze, norda Vaskio. La delegitoj okupiĝos, krom pri la laŭstatutaj elektoj ktp., precipe pri la aktualaj problemoj de la minoritatoj. Oni antaŭvidas starigon de jenaj komisionoj: A - Hispanio, Francio, Italio kaj aliaj apudmediteraneaj ŝtatoj, B - centra-eŭropaj ŝtatoj, C - nordeŭropaj minoritatoj, Ĉ - latinamerikaj minoritatoj, D - Afriko, E - aliaj minoritatoj. Kompreneble, la kongresanoj ĉeestos ankaŭ vaskan folkloraĵon kaj bankedon.

La kunsidoj okazos kaj la kongresanoj tranoktos en la tre konvena kunvenejo "Landagoyen", kie plena pensiono kostas inter 29,-- kaj 43,-- francaj[n] fankoj[n].

Tiu ĉi kongreso donos certe plej oportunan okazon por persona kaj surloka spertado de la gravaj problemoj de la vaskoj kaj en Francio kaj en Hispanio. La distancoj trans la limon estas tiel malgrandaj ke oni povos tre facile veturi al Sansebastiano, eĉ al Bilbao.

A.I.D.M.L.K. ĉiam volonte akceptas observantojn, do nemembrojn kiuj deziras iel partopreni la laborojn de la kongreso aŭ simple ..... observi.

Jen la adresaro de la aktuala estraro de A.I.D.M.L.K.:

| | |
|---|---|
| PREZIDANTO: | Salvador Espriu Castelló (Barcelono); |
| VICPREZIDANTOJ: | Peter Gabriel, Im Ahorn 14, CH - 8125 Zollikerberg; |
| | Eugène Goyeneche, "Uhaldea", F - 64480 Ustaritze; |
| | Boris Pahor, Salita Contovello 23, Barkoulje, I -34138 Trst/Trieste; |
| ĜENERALA SEKRETARIO: | Jordi Costa i Roca, 22 rue Greuze, F - 66000 Perpignan; |
| SEKRETARIOJ: | Jean Bernert, Lycée Déodat de Sévérac, F - 66400 Ceret; |
| | D-ro C. Michael-Titus, 44 Howard Road, Upminster RM14 2UF, Grandbritio; |
| TREZORISTO: | Jacques Déprez, 5 rue Pierre Corneille, F - 68300 Saint-Louis; |
| JURA KONSILANTO: | prof. d-ro Theodor Veiter, Schloßgraben 16, A - 6800 Feldkirch; |
| TERITORIAJ SEKRETARIOJ: | |
| Argentino: | Luis Rebuffo, Anchorena 737, Rosario; |
| Aŭstrio: | d-ro Pavel Apovnik, Krenzberglsiedlung 51, A - 9100 Völkermarkt; |
| Belgio: | Francis Dessart, 6 rue Moncrabeau, B - 5000 Namur; |

| | |
|---|---|
| Francio: | Armand Keravel, 6 rue Neptune, F - 29200 Brest; |
| F. R. Germanio: | Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D - 519 Stolberg 8; |
| Grandbritio: | d-ro Constantin Michael-Titus, 44 Howard Road, Upminster RM14 2UF; |
| Hispanio: | Heribert Barrera, Camelias 23, Barcelono; |
| Italio: | Tavo Burat, via Firenze 32, I - 13051 Biela-Ciavassa; |
| Norvegio: | Lars Ullgren, N - Tobøl; |
| Svedio: | Thomas Lunden, Rågången 124, S - 17546 Järfälla; |
| Svislando: | Angelo M. Pittana, Via Fransciini 14, CH - 6500 Bellinzona. |

Ĉe tiuj ĉi adresoj oni povas peti ĝeneralajn informojn pri la Asocio kaj specialajn pri la kongreso de Ustaritze.

++++++++++++++++++++

Konferenco pri "LA ESTONTO DE LA EŬROPAJ KULTUROJ KAJ LINGVOJ"

La Komisiono por Eksteraj Rilatoj (KER) de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) aranĝis konferencon sub la s. m. titolo de la 27-a de decembro 1973 ĝis la 3-a de januaro 1974 en la Junulara Centro de Zierenberg (apud Kassel, Heslando, FRG). Tiu studsemajno, subvenciita de la Eŭropa Junulara Fonduso, estis diversmaniere kaj diversagrade intense preparita. La plej elstaraj kaj efikaj eroj tiukampaj certe estas la eldonaĵoj:

- "Lingva kaj kultura imperiismo" (enkonduka artikolo);
- "Potencrilatoj en Eŭropo sur lingva kaj kultura terenoj" (16 dense presitaj paĝoj);
- "Potencrilatoj inter Eŭropo kaj aliaj kontinentoj sur lingva kaj kultura terenoj" (26 paĝoj).

(Ĉiuj broŝuroj estas disponeblaj ankoraŭ nun en Esperanto, la angla, franca, germana kaj nederlanda. Similaj materialoj ekzistas ankaŭ en la itala.)

Parte anstataŭ invititaj kaj nevenintaj neesperantistaj kompetentuloj, pluraj KER-kunlaborantoj komentis la prezentitajn labormaterialojn, kaj inter ili ĉefan kontribuon faris Mauro La Torre (Romo), kiu i. a. direktis la atenton de la partoprenantoj al la situacio en suda Ameriko kaj efektivigis inter la konferencanoj enketon antaŭe jam faritan inter italaj gestudentoj. Tiu ĉi enketo testis la informitecon pri geografio, ekonomio, politiko kaj kulturoj de kelkaj ŝtatoj el la kvin kontinentoj. Montriĝis ke, ankaŭ inter la esperantistoj, la konoj ĉi-rilataj ne estas vere kontentigaj.

Gravan lokon havis diskutoj pri ĉiuj aspektoj de la temaro, kaj fine rezultis ke:

- dum la 30-a IJK de TEJO en Münster (04. - 10. 08. 74) okazos seminario "Lingvo kaj Socio", al kiu oni invitos multajn neesperantistajn junularajn asociojn;
- aperos internacia bulteno kun eltranĉaĵoj de nacilingvaj gazetoj pri lingvo-imperiismaj temoj kun tradukoj en la Internacia Lingvo;
- daŭros la kunlaboro kun COSV en Italio.

++++++++++++++++++++

Tra la plumo de raportisto de "THE DAILY TELEGRAPH" (04. 09. 1973):

## UKRAJNO — LA FORGESITA NACIO

Tiu ĉi lando kun siaj 603.700 km² kaj 47 milionoj da enloĝantoj, estus unu el la plej grandaj - laŭ areo - eŭropaj ŝtatoj, se ĝi estus vere sendependa. Kvankam ĝi havas ministerion pri eksterlandaj aferoj, ĝia sola reprezentanto ekster Sovetunio estas la konstanta delegacio ĉe UN. Ukrajno tre gravas el la vidpunktoj de industrio (ŝtalo) kaj agrikulturo (tritiko, maizo, sukerbeto), kaj ĝiaj kulturo kaj ĉefurbo estas pli malnovaj ol tiuj de la unia ĉeffaktoro, Ruslando. Laŭ Ĥruŝĉov, Stalino nur tre hezite forlasis la ideon komplete neniigi Ukrajnon, kion li planis per translokigo de la ukrajnanoj. Ĉiam denove sovetaj ĉefpolitikistoj stumbletas pro ia rezisto flanke de ukrajnaj intelektuloj, kiujn oni klopodas silentigi per multjaraj punoj, ĉar ili simple montris nacian senton.

La rusan politikon koncerne Ukrajnon karakterizas miksaĵo de rekta subpremo kaj iom-post-ioma rusigo. Dum la ukrajna lingvo ankoraŭ estas parolata de la kamparanoj, t. e. de proksimume tri kvaronoj de la enloĝantaro, en la urboj pli kaj pli firmiĝas la pozicio de la rusa lingvo. Ĝi estas la komunikilo en la Kieva universitato; en la rusa estas verkitaj la studlibroj de la altaj gradoj; la rusa fariĝis nun deviga eĉ en la infanvartejoj. En la urboj pli kaj pli da ruslingvuloj okupas ŝlosilpoziciojn. Alia atentenda vojo de disigo de la ukrajna etno estas la forlogo de ukrajnaj junuloj al la oriento: Jam proksimume 10 milionoj da ukrajnlingvuloj vivas ie en Sovetunio, kaj kompreneble malproksime de sia hejmlando ili havas multe malpli da ŝancoj por konservi sian etnan identecon.

Ŝajnas ke la ideo de suverena ŝtato ukrajna, realigita por mallongega tempo tuj post la unua mondmilito, estas afero por revoj. Tamen, ankaŭ la ideo mala - forviŝi la ukrajnan etnon - ne estas facile efektivigebla.

(Angle verkita de David Floyd, tradukita de ETNISMO.)

==================================================================

## FOKUSO VASKAJ PROBLEMOJ

BILBAO. La 24-an de februaro 1974, en la plej multaj preĝejoj de la diocezo de Bilbao la pastroj voĉlegis predikan tekston, aprobitan de la episkopo Añoveros, pri la situacio de la vaska kulturo. (La teksto kompleta kaj tradukita sekvas en la postaj paĝoj.) La hispana registaro reagis plej akre kaj nomis la predikon "gravega atako kontraŭ la nacia unueco". Oni premegis la episkopon por ke li forlasu la landon: Dum tuta tago speciala aviadilo atendis lin en la aerodromo de Bilbao. Dum unu semajno Añoveros devigite restis en sia rezidejo. Kiam la hispana episkopa konferenco kaj eĉ reĝimemaj juristoj konstatis ke la teksto enhavas neniujn elementojn de incito al separatismo ktp. kaj kiam plifortiĝis la subteno flanke de la Vatikano, la ŝtato cedis: Añoveros restas episkopo de Bilbao!

Dokumento
5

# LA KRISTANISMO - SAVOMESAĜO POR LA POPOLOJ

Prediko legita la 24-an de februaro 1974 en
la preĝejoj de la diocezo de Bilbao

Unu el la problemoj plej serioze damaĝantaj la civitanan kunvivadon en la Vaska Lando kaj same koncernantaj la bonan evoluon de nia dioceza eklezio estas la tiel nomata vaska problemo. El kio konsistas la menciita problemo?

Reduktante ĝin al ĝia esenco, oni povas ĝin esprimi tiel: Dum iuj grupoj de civitanoj - kvankam kun certaj nuancoj - asertas la ekziston de opreso kontraŭ la vaska popolo kaj postulas la praktikan agnoskon de ĝiaj rajtoj, aliaj grupoj indignite repuŝas tiun ĉi akuzon kaj deklaras ke ĉia provo modifi la establitan situacion signifas gravan atencon kontraŭ la socia ordo.

Tiu ĉi problemo, ĝis certa grado, eniras la kampon de la pastra komisio de la dioceza eklezio. Papo Paŭlo VI lastatempe tiel memorigis pri tio: "La katolika eklezio konsideras tre gravaj la rajtojn de la personoj kaj de la popoloj kaj same la kondiĉojn de libereco, digno, etna egaleco, justeco, responso, kiujn ili bezonas por sia plena evoluo." (ECCLESIA, 22. 07. 1972, p. 15)

Tiukaŭze ni volas proponi hodiaŭ al ĉiuj civitanoj, speciale al la kredantoj kiuj deziras sincere inspiri sian konduton per la evangelio, kelkajn kristanajn kriteriojn kiuj servu al duobla celo:

- atingi pli grandan fidelecon de la popolo de Dio en Biskajo al la savoplano de Kristo koncerne nian socion;
- kontribui al la kreo de civitana kunvivado bazita sur la justeco, la amo, la vero kaj la libereco.

## La kristanismo - savomesaĝo por la popoloj

La eklezio de Kristo estas videbla kaj efika signo de savo por ĉiuj homoj. Sed la homa persono naskiĝas en popolo, ricevas de ĝi la lingvon, la kulturon, la tradiciojn, unuvorte: sian spiritan vizaĝon. La personoj faras popolojn; sed samtempe la popoloj grandparte modlas la personojn. Ĉiu popolo estas specimeno de la neelĉerpebla kreopovo de la homa spirito.

Tial la savo kiel kompleta liberigo de la homa persono estas nedisigebla de la liberigo de la popolo, al kiu la persono apartenas. Ĉar la popoloj estas konsistiga parto de la personoj kiuj formas ilin. Persono disigita de sia popolo estas kiel arbo kies originaj radikoj estas fortranĉitaj.

La socia kaj politika dimensio de la kristana savo koncernas ne nur la personojn, sed ankaŭ la etnajn grupojn kaj la diversajn popolojn kiuj estas la kolektiva esprimo de komunumo de homaj personoj. Tiel klariĝas kial la eklezio de Kristo, vokita proklami kaj prezenti la savon meze en la mondo, anoncas kaj postulas la liberigon de la subpremataj popoloj.

"Ni insistas," diras la episkopoj en la sinodo de 1971, "pri la rajto de la popoloj kon-

servi la propran identecon." ("Sínodo de los Obispos", 1971, p. 60, eldonejo Sígueme)

Kaj papo Johano XXIII, en sia enciklíko "Pacon sur la tero", precizigis la enhavon de tiu ĉi rajto: "Necesas klare diri ke ĉio kio estas farata por subpremi la vivpovon de la etnaj minoritatoj, grave malobservas la devojn de justeco. Male, la regantoj plene respondas al la postuloj de justeco, kiam ili dediĉas sin al efika subtenado de la homaj valoroj de tiuj minoritatoj, speciale rilate iliajn lingvojn, kulturon, tradiciojn." (Nos. 95 - 96)

Jen kaj jen la popoloj, aŭ pli trafe: la gvidantaj klasoj de la popoloj kiuj decidas pri ilia sorto, cedas al la tento oferi la karakterizaĵojn kaj specialajn valorojn de la propra lando por la avantaĝoj kiujn alportas la simpla ekonomia kresko. Tia decido, inspirita de la kalkulo kaj profito de iuj regantaj klasoj, meritas klaran malaprobon.

"Ĉiu lando - ĉu riĉa, ĉu malriĉa - posedas civilizacion ricevitan de siaj antaŭuloj: instituciojn postulatajn por la ĉi-monda vivo kaj superajn (artajn, intelektajn kaj religiajn) manifestaĵojn de la spirita vivo. Dum tiuj ĉi enhavas verajn homajn valorojn, estus grava eraro oferi ilin (por materiaj interesoj). Popolo permesante tion perdus tiel la plejbonon de si mem kaj oferus - por vivi - siajn vivomotivojn. La instruoj de Kristo validas ankaŭ por la popoloj: Por kio utilas al la homo gajni la tutan mondon kaj perdi sian animon? (Mt. 16.26)" (Paŭlo VI, enciklíko "La progreso de la popoloj", n-ro 40)

La rajto de la popoloj konservi sian identecon inkluzivas ankaŭ tiun esti ekipitaj per soci-politika organizo kiu protektas kaj subtenas iliajn liberecon kaj kolektivan personecon.

## La politika unueco ne identas kun la unuformeco.

La ŝtato devas esti je la servo de la personoj kaj popoloj kaj devas sincere respekti la socian kaj kulturan pluralismon ekzistantan en la koncernata lando. Ne estas funkcio de la eklezio, sed de la civitanoj fiksi la teknikan formulon kiu permesos kunordigi la rajtojn kaj devojn de la diversaj popoloj en la kadro de la ŝtato aŭ de la internaciaj politikaj organizaĵoj. El la morala vidpunkto la eklezio nur insistas pri la principo ke tiu formulo, por ke ĝi estu justa kaj certigu pacan kunvivadon, devas esti la rezulto de sincera civitana dialogo kaj ne la frukto de altrudo fare de la plej fortaj grupoj kontraŭ la plej malfortaj. La liberigo de la popoloj kaj ilia solidara evoluo en la homa familio estas postulo ankaŭ de la universaleco aŭ katolikeco de la kristanismo. La kristanismo ne identigas sin kun unu certa kulturo aŭ civilizacio, sed ĝi devas enradikiĝi en ĉiuj revelaciante la lastan sencon de ĉiu vera homa valoro.

"La eklezio, por povi prezenti al ĉiuj la misteron de la savo kaj la vivon alportitan de Dio, devas insertiĝi - per fortikaj ligiloj de kultura vivo - en ĉiuj popoloj samafekcie kiel Kristo unuiĝis, por sia enkarniĝo, al la donitaj sociaj kaj kulturaj kondiĉoj de la homoj kun kiuj li vivis." (Dekreto "Ad gentes", n-ro 10)

Tiukaŭze la eklezio ofendus la dignecon de popolo kaj estus malfidela al sia komisio, se ĝi pretendus proklami al tiu popolo la evangelion utiligante kulturajn esprimojn fremdajn al ties ekzistomaniero. Male, "por ke la kredantoj povu fruktodone atesti Kriston ....., ili sentu sin membroj de la homa grupo, en kiu ili vivas, kaj partoprenu en ĝia kultura kaj socia vivo ...., familiariĝu kun ĝiaj naciaj kaj religiaj tradicioj, malkovru kun ĝuo la semojn de la Vorto kiuj estas en ili." (Dekreto "Ad gentes")

## Amikeco kaj kunlaboro inter la popoloj

Fine, la kristana savo kiel repaciĝo kaj surtera - kvankam neperfekta - konstruo de la familio de Dio postulas amikecon kaj kunlaboron inter la popoloj en reciproka respekto. Popolo kiu fermiĝus en si mem kaj ne praktikus interŝanĝon kun kulturoj kaj tradicioj diferencaj de la sia, provokus la homan malriĉiĝon de siaj membroj. Sed ekzistas instinkta suspekto de la malgrandaj popoloj kontraŭ la en si mem ĝustaj vokoj al universalismo, kaj ekzistas la pli proksima zorgo kiu instigas ilin protekti sian propran personecon.

"La eklezio deklaras," diris Paŭlo VI al la posteuloj de la antikvaj enloĝantoj de Oceanio, "ke vi kiel la ceteraj etnaj minoritatoj havas ĉiujn homajn kaj civitanajn rajtojn absolute egalajn al tiuj de la plimulto; same vi havas certajn devojn. Por la komuna bono necesas ke viaj aktivadoj harmoniiĝu en spirito de frateco kaj kunlaboro avantaĝe al la socio, al kiu vi apartenas. Ĉi-rilate tamen devas esti klare - kaj ni volas substreki tion - ke la komuna bono neniam rajtas servi kiel leĝa preteksto por damaĝi la pozitivajn valorojn de via aparta vivomaniero. La socio mem pliriĉiĝas per la ĉeesto de diferencaj kulturaj kaj etnaj elementoj." (ECCLESIA, 12. 12. 1970)

## Aplikoj al nia konkreta situacio

La vaska popolo havas proprajn karakterizaĵojn kulturajn kaj spiritajn, inter kiuj elstaras ĝia plurmiljara lingvo. Tiuj apartaj trajtoj donas al la vaska popolo specifan personecon en la tuto de la popoloj konsistigantaj la nunan hispanan ŝtaton. La vaska popolo, same kiel la aliaj popoloj de la hispana ŝtato, havas la rajton konservi sian identecon, flegante kaj evoluigante sian spiritan heredaĵon - sen neglekti la sanan interŝanĝon kun la najbaraj popoloj - en soci-politika organizo agnoskanta ĝian justan liberecon.

Tamen, en la aktualaj cirkonstancoj, la vaska popolo renkontas gravajn obstaklojn kaj ne povas ĝui tiun ĉi rajton. La uzo de la vaska lingvo - kaj sur la diversaj niveloj de la instruado kaj en la kampo de la komunikiloj (gazetaro, radio, televido) - estas submetita al vaste konataj limigoj. Ankaŭ la diversaj kulturaj manifestacioj estas submetitaj al diskriminacia kontrolo.

Por proklami kaj prezenti la savon de Kristo, la eklezio devas en tiu ĉi konkreta situacio de la diocezo admoni kaj instigi al konvena modifo de la situacio de nia popolo konforme al la principoj indikitaj en la papaj kaj konciliaj dokumentoj. Sed la eklezio devas komenci per enpraktikigo, en sia interna vivo, de tio kion ĝi konsilas starigi en la civitana vivo. Tio implicas adapti ĝian patran kaj edukan agadon al la aŭtentikaj karakterizaĵoj de la enloĝantaro, kiun ĝi devas evangelizi kaj instrui pri la kredo.

Ni konkludas adoptante la vortojn de la pasinta sinodo de la episkopoj: "La komisio prediki la evangelion en la nuna tempo postulas ke ni strebu al la totala liberigo de la homo jam nun en ĝia surtera ekzisto ..... Sed ni scias ke niaj akuzoj povos nur tiom trovi konsenton kiom ili estas koheraj kun nia vivo kaj manifestiĝas en konstanta agado." ("Sínodo de los Obispos", p. 74)

++++++++++++++++++++++

# K U R D O J --- kroma "neekzistanta" popolo

La problemoj rilatantaj al kurdoj devenas grandparte de la profitavido de petrolkompanioj, kiuj post la unua mondmilito kaj la sekva disfalo de la turka imperio intrigis, koluzie kun la tiamaj "grandaj potencoj" (Francio kaj Britio), por ke la petrolputoj de Kirkuko restu en "sekuraj" manoj.

Okazis longa vico da promesoj, intertraktadoj, rifuzoj, manifestacioj, ĵuroj kaj rompo de ĵuroj, ktp., kaj la rezulto nuntempe estas la jena disdivido de kurdoj en kvar malsamaj ŝtatoj: Irako, Irano, Sirio kaj Turkio.

En Irako vivas proksimume 2 milionoj da kurdoj (30 % de la tuta loĝantaro), en Irano 4,5 milionoj (18 % de la tuta loĝantaro), en Sirio 500.000 (8 % de la tuta loĝantaro) kaj en Turkio 8 milionoj (25 % de la tuta loĝantaro). Krome ekzistas kurdaj minoritatoj en pluraj mezorientaj landoj, la plej grandaj el ili troviĝas en Sovetunio (200.000) kaj en Libano (40.000). Tiuj ĉi nombroj baziĝas sur kalkuloj faritaj de kurdaj fakuloj, sed ili en la lastaj jardekoj ne povis esti kontrolitaj per popolnombradoj, ĉar la ĉefaj kurd-loĝataj landoj ĉiam rifuzis entrepreni ion tian.

Koncize la starpunktoj "oficialaj" estas jenaj:

T U R K I O eĉ ne agnoskas formale ke ene de ĝiaj ŝtatlimoj vivas ne-turkoj. Oni aludas kurdojn per la esprimo "montar-turkoj" kaj konsideras ilin simple turkoj parolantaj sian apartan "dialekton". Kompreneble estas strikte malpermesite uzi ĉi-tiun "dialekton" en iom formalaj okazoj, kaj inventinto de nova alfabeto por la kurda lingvo estis tuj malliberigita.

En I R A N O okazas same. Tie tamen estas pli facile "asimili" kurdojn, ĉar la kurda lingvo apartenas al la familio de iranaj lingvoj. Fakte ĝi estas rezulto de memstara evoluo de la antikva irana, el kiu devenas ankaŭ la oficiala lingvo de Irano, la "farsi".

En I R A K O kurdoj estas pli bone organizitaj. Profitante la malfacilaĵojn de la centraj instancoj kontroli ilian montaran regionon, ili jam antaŭ multaj jaroj organiziĝis per politika partio (Partio Demokratia Kurda - PDK) kaj per propra sendependa armeo. Tra la jaroj daŭre okazadis ribeloj, bataloj, embuskoj ktp. Ankoraŭ nun ili daŭras, eĉ plifortiĝis, ĉar ĝuste nun la kurdoj sentas sin trompitaj per la planoj de Irako doni tre limigitan aŭtonomion al la kurdoj anstataŭ transformi la ŝtaton en federacion.

En S I R I O la centra registaro profitas la malmultnombrecon de la tiea kurda loĝantaro por akre diskriminacii ĝin. Krom la kutima malpermeso paroli kaj skribi la kurdan en formalaj okazoj, tie oni povas esti malliberigita pro simpla posedo de libroj aŭ diskoj kurdlingvaj produktitaj eksterlande. Aldone oni daŭre klopodas anstataŭigi la kurdan loĝantaron de vilaĝoj apud la turka limo per arabaj loĝantoj. Tiu "projekto de araba zono" havas la saman celon kiel la translima "projekto de turka zono".

RC

Materialoj pri la kurdaj problemoj:

1) "Un popolo 'a margine': i kurdi" (Terzo Mondo Informazioni, n-ro 6 / 7, 05. 04. 1973, Movimento Sviluppo e Pace, Via Magenta 12 bis, I - 10128 Torino)

2) Cumo Akif Kerimli: "Kurdistan - Informationen über den türkischen Teil Kurdistans / Dokumentation der letzten Ereignisse" (marto 1974, Evangelische Studentengemeinde, D-61 Darmstadt, Frankfurter Straße 10)

Adresoj de kurdaj organizaĵoj en Eŭropo:

1) Apogkomitato por la Kurda Revolucio, 71, rue Brillat Savarin, F - 75013 Paris.

2) Kurda Monda Movado, p/a s-ro J. R. Etienne, Log. 2° district, gare SNCF, F - 17000 La Rochelle.

3) Itala Sekcio de Komeley Xwêndikaranî Kurd Le Ewrupa, p/a s-ro M. Chahine, Borgo Valla, 9, I - 43100 Parma.

=================================================================

# N O V A J   L I B R O J

MERIAN-kajero 4 / XXVII: Baskenland - Asturien - Galicien; 140 p., 19 x 27 cm; artikoloj, parte ilustritaj, pri la politika situacio en Vaskio, pri la eŭskera lingvo, pri la galega lingvo, pri Ignacio de Loyola, pri la peloto, pri Sansebastiano kaj Bilbao ktp.

A. QUINTANA: Handbuch des Katalanischen; Barcelono, 1973, 310 p., 12 x 18 cm; 18,-- gm. La 19 lecionoj komenciĝas per literaturaĵo, prezentas amason da gramatikaj detaloj, proponas kompletigajn kaj tradukajn ekzercojn (kun la solvoj fine de la libro) kaj estas tre utile apogataj de konciza enkonduko pri la historio de la katalunaj lingvo kaj literaturo kaj de baza vortaro kataluna-germana kaj germana-kataluna.

H. HAARMANN: Soziologie der kleinen Sprachen Europas, vol. 1: Dokumentation; Hamburgo, ²1973, 510 p., 14,5 x 20,5 cm; 52,-- gm. Tiu ĉi verko pritraktas ĉiujn eŭropajn lingvojn kiujn inter 1960 kaj 1970 parolis ne pli ol 4,5 milionoj da homoj. Pri ĉiu lingvo estas prezentitaj 6 subĉapitroj: 1) teritorio kaj nombro de parolantoj, 2) parencecoj kaj dialektoj, 3) historio de la lingvo-teritorio, 4) karakterizaĵoj de la lingvo, 5) situacio de la lingvo, 6) literaturo pri la koncernata lingvo.

C E T E R E . . . . . la du lastaj libroj (kaj preskaŭ 200 pliaj pri kaj en la KATALUNA KAJ EŬSKERA LINGVOJ estas mendeblaj ĉe:

LLIBRES CATALANS — EUSKALERRIKO IDAZTIAK

KATALANISCHE BÜCHER — BÜCHER DES BASKENLANDES

D - 519 Stolberg 8, Feldstr. 38, 02402-72336

=================================================================

## ETNISMO - informilo pri etnaj problemoj

..... aperas trifoje ĉiun jaron kaj estas dissendata sen fiksita kotizo. Tamen, ekzistas la poŝtĝirkonto 23 26 12 - 306 (Hannover) de la eldonanto, kien eblas sendi monon. (Proksimuma kontribuo de 5,-- gm jam utilus.) Eldonanto kaj responsa redaktoro: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D - 519 Stolberg 8 (FR Germanio), tel.: 49-2402-72336.